

# BOLETIN

## DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

AÑO XVII — Nº 233-234 MAYO-AGOSTO 1979

GEPARTOPRENANTOJ EN LA ESPERANTA RENKONTIĜO OKAZINTA EN PALENCIO, la 25-a FEBRUARO 1979 OKAZE DE LA SEMAJNO DE INTERNACIA AMIKECO.

**BOLETIN DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO**

DIRECTORA:
Dº Mª Aurora Viloria Nieto

DIRECCION Y ADMINISTRACION:
Dos de Mayo, 4
VALLADOLID

REDACTOR JEFE:
D. Salvador Aragay Galbany
Bassegoda, 40 - Telf. (93) 2401428
BARCELONA-28

COMITE DE REDACCION:
D. Llibert Puig
D. Giordano Moyá
D. V. Hernández Llusera
D. Gabriel Mora y Arana
D. Pedro Nuez



Depósito Legal: VA. 616.—1978
Gráf. Andrés Martín, S. A. - Juan Mambrilla, 9 - Valladolid

# UTILAJ ADRESOJ

HISPANA ESPERANTO FEDERACIO
Dos de Mayo, 4
VALLADOLID

**Prezidantino**
Mª Rafaela Urueña Alvarez
Avda. Ramón y Cajal, 12-2º-C
Télf. (983) 260086
VALLADOLID

**Sekretario**
Luis Hernández García
adreso kiel supre

**Kasistino**
Carmen Conde Labajo
Calixto Valverde 8-8º-A
VALLADOLID

Pagoj sendu al nia Konto
Nº 001.664-0
Caja de Ahorros Popular
Ag. Urbana E.
A. Lorenzo Hurtado, 1
VALLADOLID

LIBRO-SERVO DE H.E.F.
Jacinto Urueña Antón
Dos de Mayo, 4
VALLADOLID

Pagoj por Libro-servo, sendu al
Caja de Ahorros Popular
Oficina Central
Cuenta Nº 042.268-4 a nombre de
LIBRO-SERVO DE H.E.F.
VALLADOLID

ELDONA FAKO
Inés Gastón
Pº Marina Moreno, 35-4º
ZARAGOZA-1

INFORMA FAKO
Ramón Molera
Sta. Joaquina, 13
MOYA (Barcelona)

ĈEFDELEGITO DE UEA
Juan Azcuénaga Vierna
Capitán Palacios, 3-4º-N
SANTANDER

# 1979: INTERNACIA JARO DE LA INFANO



Ni savu ĉiuj kune nian estontecon: la infanojn!!

La Unuiĝintaj Nacioj kaj ĝia kultura fako UNESKO deklaris tiun ĉi jaron 1979 Internacia Jaro de la Infano. Meditante pri tio, oni klare perceptas, ke ne nur tiu ĉi jaro devas esti dediĉita al la infano, sed ĉiu jaro. La infano estas la estonteco, kaj laŭ ni edukos ilin, tio reflektiĝos en la homojn kaj la socion, kiu estos kiam la nunaj infanoj estiĝos maturaj homoj.

Ordinare, oni zorgas pri la materialaj aferoj tiel ke la konstruaĵoj daŭros, ke la urboj estu loĝindaj, ke fariĝu materiala prospero. Ni zorgas pri nia propra bonfarto kaj tiu de niaj filoj kaj eĉ tiu de niaj nepoj, sed tiu klopodado por la niaj estos vanaj se ni ankaŭ heredigos al ili konvulsian mondon minacata de krizoj kaj eĉ de nuklea milito, kiu neniigos ĉian vivon sur nia planedo.

Labori por la infanoj estas labori por la estonteco. Ni ne enmetu ilin en tiun ĉi neston de vipuroj, kiu estas la aktuala mondo. Ni en parto ĝin ricevis tia de niaj antaŭuloj kaj en parto pli ĝin ni malbonigis ol bonigis pro nia indiferenteco al ĉio.

kio ne estas niaj propaj interesoj kaj konveneco. Se la mondo konfliktas la mem nuntempuloj estas la responsuloj. Nia propra indiferenteco por la komunaj homaraj problemoj faras nin prirespondaj pri nia propra nerespondeco.

La 20-an de novembro de 1959, antaŭ dudek jaroj, la Ĝenerala Asembleo de la Unuiĝintaj Nacioj unuanime aprobis Deklaracion pri la rajtoj de la infanoj. Legante la Principojn de tiu Declaracio, altiras nian atenton, jenaj paragrafoj:

El la 7-a Principo: «Oni donos al la infanoj edukadon, kiu favoros ilian ĝeneralan kulturon kaj permesos al ili, en egaleca kondiĉo de oportuneco, disvolvi ilian kapablecon kaj individuan saĝon, ilian senton pri morala kaj socia respondeco, kaj atingi estigi utilajn membrojn de la socio».

El la 10-a Principo: «La infano devas esti protektata kontraŭ la agoj, kiuj povas pliigi la rasan, religian aŭ kiun ajn diskriminacion. La infano devas esti edukata en espirito de komprenemo, toleremo, amikeco inter la popoloj, paco kaj universala frateco, kaj kun plena konscio pri tio, ke li devas dediĉi siajn energiojn kaj kapablojn al la servo de siaj similuloj».

Kompreneble la ĝenerala baza edukado devas unue forigi la analfabetecon. La lernado legi kaj skribi estas la komenca tasko de la edukado. Tion devas sekvi, laŭ la 10-a Principio de la Deklaracio, la spirito de komprenemo,toleremo, amikeco inter la popoloj, paco kaj universala frateco..Tia spirito vere akordiĝas kun nia agado kiel esperantistoj. Mankas, tamen, en la Deklaracio io, kion laŭŝajne forgesis la Ĝenerala Asembleo antaŭ dudek jaroj. Rilatas al la efikaj rimedoj por tia edukado. Ne tute malaperas la analfabeteco instruante al ĉiu lian propran gepatran lingvon. Se ĉiu nur lernas legi kaj skribi sian gepatran lingvon, ĉiu restas analfabeto por la restanta mondo. Eĉ pli ol analfabeto, surdmutulo. Li ne povas kompreni la aliajn lingvojn nek ilin paroli, Kvazaŭ surd-mutulo nur mise povas interkompreniĝi per mimiko.

Ne taŭgas por solvi tian analfabetecon lerni ankaŭ pliajn lingvojn. Se tiuj estas la lingvoj de malgrandaj nacioj, nemulte pli larĝiĝos la territoria vasteco de komprenado. Se tiuj lingvoj estas la propaj de la grandaj potencoj, al la nesolvado de la lingva problemo aldoniĝas diskriminacio, kiu favoras tiujn potencojn kaj malfavoras la multegajn malvastajn naciajn lingvojn, kiujn entute parolas la plej granda kvanto el la homoj. Tio precize ne akordiĝas kun la forigo. de kiu ajn diskriminacio menciita en la 10-a Principio de la Deklaracio.

La plena forigo de la analfabeteco estas solvebla per tio, ke krom la lernado de la gepatra lingvo, ĉiu lernu la tutmondan kaj neutralan lingvon Esperanto. Tiu estas la plej efika rimedo por plena edukado, ĉar krom solvi la universalan analfabetecon, aldone ĝi enhavas en sia spirito tian edukadon menciita en la 10-a Principo de la Deklaracio: La edukado en la spirito de komprenemo, toleremo, amikeco inter la popoloj, paco kaj universala frateco.

G. MOYA

# NOKTURNO

Tra la sublima kvieteco de somernokto ne tre klara sed ja sufiĉe limigita inter ripozo kaj foreco de nedeĉifreblaj misteroj, mi imagas la noktan medion kiel lagon de nesondebla profundeco, en kies akvosupraĵo aperadas samcentraj kaj plivastiĝantaj cirkloj el maltrankviloj jen homaj, jen stelaj, centritaj per la falo de stonetoj kaprice ĵetitaj de la ĉirpaj polifonioj de griloj, bufoj kaj noktuoj. Sed mi devas klopodi dummomente por volonte ne aŭdi nek korsenti la noktan pulson de la realeco, ĉar mi volas alie konsideri, fantazie, la noktomedion kiel ondantan, lageton, milde, lule moviĝeman kaj portantan de la centro ĝis la bordo, pacajn herc-ondokrestojn.

Dirende, en mia mano estas la atingo de tia imago, kiu estas realaĵo de sciencaj mistervualoj, t. e., nuda kaj samtempe diskonigita mistero, sed taŭga por daŭre reprezenti la nekonatan povon de kiu ajn terplaneda malproksimeco. Mia mano povas kaj volas trempiĝi en tiujn fluojn de la nevidebleco, kaj tiel agante sur la ŝaltilon de la radioaparato, al miaj atingo kaj plezuro, ĝi havigas la sonoran ateston de fremdaj landoj. Sed mia nuna intenco estas kapti nek muzikon, nek novaĵojn pri internacia politiko ,sed vortojn esprimitajn per la lingvo, kiu estas ilo de kapabla kaj reciproka kompreniĝo ĉiupopola: mi deziras aŭskulti dissendon en esperanto... Mi jam ĝin aŭskultas.

Vere mi emociiĝis. Mi ne scias kial, sed mi imagis netan identiĝon pri karaktero, disvastiĝo kaj facilmoveco rilate la herc-ondojn kaj la Internacia Lingvo, sed mi ankaŭ konsideris ambaŭ faktojn, agantajn kun plejebla kaj elĉerpa rajdado de superegaj mesaĝoj kaj majesta flugado super ĉiu landlimo: mi primeditis ambaŭ faktojn, tiajn, kiaj ili estas —nepalpeblaj—, sed evidentaj kiel la sunlumo kaj kiel la propra lumo de civilizacio, kiun ili kunportas.

La herc-ondoj prirespondas la ĉeeston de naturaj fortoj kaj mirinda kreaĵo, kiuj atestas la eternecon de la Ĉiopovanto, senhezite antaŭ ĉio, survoje de la propra natura kaj leĝa celo de la mondkreado, favore de la homaro. Kaj Esperanto prirespondas kiel instrumento kreita por ke la homo, kiu per aplikado de sia menso povas aliformigi kaj dresi la naturon je sia profito kaj konsideru sian homecon. Esperanto estas kreaĵo celanta savi la socion per la reciproka natura kompreniĝo kaj revaloriĝo de la ĉiesa povo de granda bonvolema popolkomuniiĝo, misiante starigi humanecan taskon sen fortoperdiĝo, tiel, ke la kora kaj mensa nobleco kaj scio, elirinte, trovu universalan saĝan bonveniĝon, dum la homo povas plivastigi la virtopovon kaj regadon de tiu dia donaco, kiu estas la lingvo. Ĉu, eble, Esperanto estas efektiva maniero danki Dion pro la mirindega parolkapablo?

**Gabriel MORA i ARANA**

# NOTAS DE INTERES PARA TODOS LOS FEDERADOS

**COLABORACIONES PARA BOLETIN.**—Con el fin de que los articulos que se envían tanto al Redactor Jefe, como a la Directiva de la Federación, puedan ser corregidos debidamente y facilitar a la imprenta su trabajo, rogamos que éstos estén escritos a máquina, a doble espacio y con margen suficiente.

**FOTOS.**—Rogamos a las personas que puedan y deseen enviar fotos en relación con cualquier acontecimiento esperantista, las envíen, a poder ser en blanco y negro, a la mayor brevedad posible después de celebrado el acto a que se refiera la foto.

**SERVICIO DE VENTA DE LIBROS.**—En breve va a ser editada una nueva lista de existencias con las novedades últimamente adquiridas. Todas las personas interesadas pueden solicitarla.

La norma que regirá en lo sucesivo para el pago de libros será la que normalmente se emplea para las ventas por correo o a distancia, esto es el pago contra reembolso.



## D-ro Severo Ochoa de Albornoz

# NOBEL-PREMIITO

Hispana biologo, naskiĝinta la jaron 1905 en Luarca (Asturio), kaj akirinta poste la Usonan naciecon. Li doktoriĝis en la Madrida Universitato la jaron 1929. Kiam li finis sian karieron, li ricevis stipendion por ampleksigi siajn studojn en Berlino kaj Heidelberg pri fiziologio kaj biokemio, kaj poste, en Londono, pri organika kemio. En 1833, li deĵoris kiel helpa profesoro pro fiziologio en la Medicina Fakultato de Madrido. Pli poste, prenis sur si la direktadon de la Fiziologia fako de la Instituto pri Kuracistaj Traserĉadoj en la sama urbo, kie li daŭrigis sian laboron en laboratorio.

De la jaro 1937 ĝis la 1940, li laboradis en Plymouth kaj Oksfordo rilate la problemoj pri mara biologio kaj cerba biokemio. Fine, la jaron 1940, li translokiĝis al Usono. Tie li okupis la jenajn postenojn: En 1942, li eniris la Medicinan Fakultaton en N0v-Jorko, umue kiel traserĉanto en la medicina fako, kaj poste kiel helpa profesoro pri Biokemio. La jaron 1946, oni nomis lin profesoro kaj direktoro pri Farmakologia fako. La jaron 1952, li okupis la saman postenon en la biokemia fako.

Kune kun la usonano d-ro Arturo Kornberg (lia disĉiplo), li atingis la Nobel-Premion pro ilia traserĉado pri la procezo, kiu formas kaj diserigas la ĉelojn, kaj la rilaton de tiu procezo kun la heredaj karakteroj. Ili lokalizis en provtubo, tion kio estas nomata «Biologia sintezo de la acidoj nukleataj»,

La biologia sintezo konsistas el du elementoj kiuj troviĝas en la vivaj ĉeloj: A D N acido desoksiribonukleata kaj A R N acido ribonucleata.

Laŭ la profesoro Severo Ochoa,neniu viva estaĵo povas vivi sen ADN, kaj la speco de ADN de ĝi produktita, kiu determinas, ĉu estonteca estaĵo posedos flugilojn au vivos en la limoj de la mikroskopa mondo, estas samtempe determinita de la ADN, la ŝlosilo de la heredo.

Per laboratoria vojo. d-ro Ochoa atingis viruson, primaran estaĵon; sed pri tio, kaj okaze de la 2-a centjara

datreveno de la «Reĝa Akademio pri la Sciencoj kaj Artoj» en Barcelono, li deklaris: «Miaj esploradoj ne celas krei laboratorie vivan estaĵon; mia iluzio estas pligrandigi la sciencan konon. Momente, tio kio estas ebla, estas la atingo de viruso, sed ĉi tiuj virusoj ne estas vivaj estaĵoj. La mehanismoj de la vivo estas fizikaj kaj kemiaj fenomenoj. Estas en la originala formo kie intervenas la Supera Ento».

Pri la kancero, li diris: «Estas eble, ke la kaŭzo de la terura malsano, estas viruro; se tiel okazus, estus pli facile atingi la adekvatan vakcinon por venki ĝin».

Nune, la viruso estas certa fakto, kaj ĝi esence estas:

A D N + PROTEINOJ = VIRUSO

Per tiu biokemia kono, onis povos efike batali kontraŭ la kancero.

Por iom klarigi la cititan kemian formulon, estas necese aldoni la jenon: La biologoj konsideras, ke la ADN estas longaj ĉenoj da molekuloj konsistantaj el 4 simplaj kemiaj unuoj nomataj nukleosubstancoj: adenino, tiamino, guanino kaj citosino. Tiuj substancoj povas lokiĝi kaj kombiniĝi laŭ maniero tre diversa kaj varia.

Pri la proteinoj, oni scias, ke ili konsistas el karbono, hidrogeno, oksigeno nitrogeno, kaj foje, sulfuro kaj jodo. En la ĉelo, konkrete, en la endoplasma retikulo okazas la sintetizo de la proteinoj sub la direktako de la ADN.

La koncepto pri la ĉelo multe variadis. Dum kelkaj jaroj, la ideo, kiu ni havis pri la ĉeloj konsistigantaj niajn organojn kaj niajn histojn, radikale ŝanĝiĝis. Komence de pasintaj jarcentoj, la ĉelo aperis kvazaŭ gelatenoguto, sur kiu flosadis nukleo, ĉar la tiama instrumentaro pri trasercado ne permesu vidi ion plu. Ĉi tiu eta gelanteno-guto montriĝis, pli malfrue, kapabla efektivigi multnombrajn kemiajn reagojn laŭ la ordo antaŭe kaj rigore starigita; sed oni devis atendi la novajn mikroskopajn teknikojn, la mikroskopo de polarizita lumo, la mikroskopo ultraviola, kaj precipe, la elektrona mikroskopo por eltiri la sekreton de la gelateno, konsistiganta le ĉelan citoplasmon, kaj tie malkrovi veran maŝinaron, kies pecoj estas la ĉelorganoj, tio estas, la kromosomoj kaj la genoj.

Ĝis la jaro 1956, oni supozis, ke ĉiu ĉelo konsistas el 48 kromosomoj, etaj organismoj, kies funkcioj ni ne povas per tiu artikolo studi. Sed ekde tiu jaro, oni malkrovis ke ilia nombro estas nur 46, ordigitaj duope, tio estas, ili konsistas el 23 paroj.

Dank'al traserĉadoj de d-ro Severo Ochoa kaj kunlaborantoj, la misteroj de la heredeco, iom post iom, malaperis, kaj la genetika scienco permesos estontece solvi plurajn biologiajn problemojn tre interesajn speciale por la juĝistaroj, kiuj posedos efikan jurohelpilon por anticipe kalkuli la nenormalaĵon de la individuo kaj intenci do, neŭtraligi aŭ sanigi ilin pere de taŭgaj kuracadoj por eviti tiel la agojn de la eblaj krimuloj aŭ krimulinoj, tio kio konsistigos veran sociologian instrumenton.

Ni dediĉas ĉi tiun artikoleton honore al eminenta biologo, okaze de la du prelegoj faritaj de li antaŭ kelkaj jaroj en Madrido. Invitis lin la «Sociedad de Estudios y Publicaciones».

**Prof. Jaime Aragay Pujols**

# DUA PRINTEMPA ESPERANTISTA FESTO - 1979
## Monistrol de Montserrat

Ĉijare la Printempa festo daŭris tri tagojn: la 12-a, 13-a kaj 14-a de majo, sed fakte estis tritaga nur por la gejunuloj.

Ni alvenis la dimanĉo matene al al Esperantista Restadejo en Monistrol de Montserrat. Tie kaj en ĝia ĉirkaŭaĵo okazis la festo.

La vetero vere estis printempa, preskaŭ somera, agrabla ŝanco post tiel longa vintro, laŭŝajne senfina.

De la Restadejo oni vidas la Monton Montserrat vertikale staranta ĉe ni mem kaj montranta imponan kaj majestan belecon. Oni ne povis elekti pli bonan lokon, tiel por la Restadejo, kiel por la festo.

Dum tiu mateno la rokmuroj de la monto rebrilis la frapanta sunlumo, kio reliefigis la segildentaron, kiu karakterizas la monton kiel unikaĵon. Ne estas do strange, sed tute kompreneble, ke oni sanktigis la monton kaj, ke la tiea Virgulino estu la patronino de Katalunio.

Laŭ scienco, la monto konsistas el rokoj, kiuj estas formitaj el riverstonaj konglomeraĵoj, kiuj iam estis submaraj, poste elstariĝis kaj la erozio de la fizikaj de naturfenomenoj skulptis la dentojn de la segita monto; tio disvolviĝis dum milionoj kaj milionoj da jaroj. La monto estas videbla elmontrado de la impona daŭro de la tempo kaj ties profunda agado. Tiel, kiel diris Zamenhof: «Eĉ guto malgranda, konstante frapante, traboras la monton granitan.» Kaj diris tion por kuraĝigi nin kaj montri la efikecon de la persisteco.

Antaŭ la grandeco de la Naturo la interhomaj problemoj restas sensignifaj, solveblaj per interkompreniĝo... se ne estus nia naneco tiel plena de nesciado, egoismoj, k.t.p.

La Printempa Festo estis familiara. La ĉeestantoj estis ducent proksimume, la duono infanoj, kaj la alia duono plenkreskuloj, sed la festo estis aranĝita precipe por la infanoj kaj la gejunuloj.

Antaŭ ol la tagmezo infanoj kaj gejunuloj konkuris per popularaj ludoj. Kelkaj gajnis, multaj partoprenis, sed egalaj restis, tiel la unuaj, kiel la lastaj, ĉar tio grava estas la partoprenado mem.

Posttagmeze sub la reĝisorado de F-ino Magda Clerch la «Infana Trupo» de Centro de Esperanto Sabadell deklamis poeziaĵojn kaj lerte ludis en Esperanto kelkajn

skeĉojn, inter aliaj la «Bongusta Supo». Poste,longa vico de atendantaj infanoj, ĉiu el ili pretaj per bastono disrompi la kaldronon. Laste por ĉiuj la kolektiva bongusta ĉokolatmanĝado.

Fine okazis la distribuado de la premioj.

Printempa festo: infankongreseto. La plenkreskuloj solene kongresas kaj renkontiĝas, la infanoj tie enuiĝas. Sed en nia Printemps Festo estis la infanoj, kiuj precipe rolis kaj partoprenis, Ili povis bone kompreni, ke la internacia lingvo Esperanto ne estas io stranga, nereala aŭ nura projekto, sed io vivanta. Por tiuj infanoj Esperanto estas tiel natura lingvo, kiel la gepatra. Tiuj infanoj estas la bazo de la unueca estonta mondpopolo. Bone estas tion laŭte eldiri, en tiu ĉi jaro, 1979, la proklamita internacia jaro por la infano.

G. MOYA



# POEZIA ANGULO

## RIMOJ

Se dum trista nokto
de la vintra neĝo
apud la kristaloj
de via fenestro
vi aŭdas sopirojn
de ploranta vento...
Memoru mim Keli!
streĉu la atenton
ĉar kun ili sendas
amo mia... plendon.

Se la pluvo frida
frapas la kristalon
kaj sur ĝi vi vidas
la gutojn de l'akvo...
Memoru mim Keli!
sopire, kun amo
ĉar kun ili sendas
mia koro... larmon.

Kiam frua aŭroro
ore, pentras vitrojn
de ĉambrofenestro
per trembrilaj fingroj...
Memoru min Keli!
ofertu la lipojn
ĉar kun ili sendas
amo mia... kison

Kiam en la limo
de via ekdormo
via menso flugos
al konata loko...
Memoru min Keli!
streĉe, sen movo...
ĉar eble vi aŭdos
foje, mian ploron.

En tenebro dum la nokto
en torturo kaj aflikto.
Eñ la lumo dum la tago
en plezuro kaj feliĉo...
ne forgesu kara mia
ke, se vi mortigas fie
mian ampostulan amon,
iam vi postulos same,
kaj vi ricevos la samon.

**Emilio García**

---

## VEKI

Ekbrilas taglumo
kiel vizi', necerta,
ĝi mantel'pentrita
el riĉa orarĝenta.

Kial ci, fraŭlino,
la pord ne malfermas?
Kial kiam tagiĝo
vekas birdojn, florojn,
ci dormanta estas?

Frapante ci'pordon
diras tago hela:
«Mi estas la gajeco
kiu dolor' forpelas»
La birdo al ci diras:
«Harmoni' mi estas»
kaj mi ekĝemante
al ci: ¡animo mía,
l'am' mi reprezentas!

Originalo de Viktor Hugo.
Tradukajo de M. Fillat Zatoya.
ZARAGOZA (Hispanujo).

# NIAJ GRUPOJ

## ZARAGOZA

### GRUPO ESPERANTISTA «FRATECO»

La sukceso de nia Seminario estas ĝis nun la rezulto de la obstino kaj streboj de kelkaj samideanoj kiuj konsideras tiunj kunvenojn kiel la nura solvo por altiri la progresantojn de nia lingvo al la praktikado kaj kunlaborado kun nia esperantistaro, kaj al ĉi tiuj men, donas okazon praktiki la lingvon kaj vivigi nian Societon. Sed kvankam ni multon atingis, ni celas pli altan nivelon ankaŭ por tiu ĉi fako dum la venonta kurso. Ni invitas tiujn veteranojn kiuj ĝis nun ankorau ne partoprenis en niaj ĵaŭdaj kunvenoj, por ke ili venu praktiki la lingvon en distra etoso kaj kleriga tasko.

### RADIO-ELSENDOJ

Fine Esperanto estas en la radio de Zaragoza. Ni profitas la okazon por prezenti al la scivolema publiko rapidan kurson de Esperanto. Dum naŭ sinsekvaj mardoj, je la 10,30 vespere, la antenoj de Radio Popular estas je nia servo kaj diskonigos nian lingvon kaj niajn idealojn en la tuta urbo kaj proksimaj areoj. Ni petas al ĉiuj «fratecanoj» kaj al ĉiuj esperantistoj,adresi leteron aŭ postkarton al la Direktoro de Radio Popular de Zaragoza dankante lian decidon, kiu fakte malfermas por ni promesoplenan horizonton, ĉar ni havas ambiciajn projektojn kiuj bezonas la radion por esti realo.

## BILBAO

### ESPERANTO SUR LA ANTENO

La especiala programo de Radio Bilbao kiun oni elsendas ĉiudimanĉe al la geesperantistoj ĉie, ĝin ni povas aŭskulti ekde la dimanĉo 13-an de Majo, se ni ne estas tro dormemaj, tial ke la horo estas je la 1,30 h matene, do, iom post la sabata noktomezo. Dank'al la kunlaborado de S-ro Julio Juanes kaj Radio Bilbao, oni povis atingi denove la malfermon de nia laŭtparolilo direktita precipe al niaj eksterlandaj amikoj, jen la kialo de la horo iomete ne konvena por ni. Bonvolu informi pri ĉio ĉi al viaj korespondantoj en aliaj landoj, kaj sendu postkartojn al RADIO BILBAO. Rodríguez Arias, nº 6.—BILBAO.

## SABADELL

### SOCIETA FESTO

Distri la neaktivajn membrojn estas zorgo kiun neniu estraro povas neglekti kaj tiucele jam de antaŭ kelkaj jaroj ni okazigas nian societan feston kun karnavala balo kaj alnomigo de «Fraŭlino Esperanto». Ĉi-jare ricevis la honoran titolon f-ino Pilar Almengol, loka aktivulino kaj estrararino kiu kiel ĵurnalista studentino zorgas pri la radio-programo tre profesie.

# ESPERANTISTA RENKONTIĜO EN PALENCIO



La lasta semajno de Februaro estas konata en la esperantista mondo kiel «Semajno pri Internacia Amikeco». Ankaŭ en nia lando, H.E.F. estraro volis, laŭ sia ebleco, festi la eventon kaj tiucele oni komisiis la entuziasman esperantistinon de Palencio, F-ino María Jesús Martín por ke ŝi faru ĉion necesan por inde soleni en ŝia loĝurbo tiun eventon. La klopodoj de nia samideanino vere sukcesis kaj la 25-a de Februaro grupo da gesamideanoj el Valladolid, Madrid, Bilbao kaj kompreneble Palencia, kunvenis por okazigi diversmaniere kaj kun samideana etoso, tiun menciitan eventon. Samtempe la renkontiĝo taŭgis por informi la palencian enlogantaron pri la ekzisto de la Internacia Lingvo ESPERANTO.

Tagmeze, ĉiuj gepartoprenantoj, akompanataj de turisma gvidanto, admiris la belecon de la trezoroj, kiuj estas zorge gardataj en la Katedrala Muzeo kaj en la Katedralo mem, kies beleco ne sufiĉe konata meritas la kronnomon kiun ĝi havas: «La Bela Nekonatulino».

Je la 1-a p.m. Pastro Jonás Castro de Valladolid celebris en la jam dirita preĝejo S-tan Meson en Esperanto.

Poste ĉiuj gepartoprenantoj kunmanĝis en centra restoracio, kie oni tostis por la amikeco inter la hispanaj esperantistoj kaj inter la hispana kaj la tutmonda esperantistaro.

Je la 5-a p.m. kaj en Salono de «Hermanas Nazarenas», S-rino M-a Rafaela Urueña, Prezidantino de H. E. F., prelegis hispanlingve pri «Esperanto, estanteco kaj estonteco». La prelego vere interesa, altiris la atenton de la aŭskultantaro, kiu je la fino premiis la prelegintinon per aplaŭdado.

Fine, kaj kun esprimo de sincera amikeco fare de la Palenciaj esperantistoj, ĉiuj reiris iliajn loĝurbojn.

Pri la evento amplekse kaj detale informis ĵurnaloj de Valladolid kaj Palencia, kaj R.N.E.

L. HERNANDEZ

# DONATIVOS RECIBIDOS

| | Ptas. |
|---|---|
| Manuel Ruiz Maza ....... | 100 |
| Grupo Esperantista de Alicante | 500 |
| Martín Esteban Mateo ..... | 100 |
| Sociedad Esperantista «Frateco» .................... | 500 |
| Félix Gómez Martín ...... | 1.000 |
| José Olive Ferrando ...... | 100 |
| Sociedad Coral «Juventud Tarrasense» ............... | 250 |
| Manuel Díaz Fernández ... | 100 |
| Eduardo Larrouy López ... | 100 |
| Cecilia Gutiérrez de Apriz | 100 |
| Tomás Apriz de Riberas .. | 100 |
| Esperanto Grupo de Moyá (Barcelona) ............. | 500 |
| Ramón Molera Pedrals .... | 8.000 |
| Familia de D. Rafael Herrero | 1.000 |
| Antonio Gamboa Sánchez . | 5.000 |
| Gabriel Miró ............. | 3.000 |
| José Palmero ............. | 350 |
| Juan Martínez Mauri ..... | 200 |
| Grupo Esperantista de Bilbao | 500 |
| Pedro Samuel Vila ........ | 500 |

**DONATIVOS RECIBIDOS PARA EL F.A.L.P.**

| | |
|---|---|
| Florentino Fuentes Blas ... | 500 |
| Gerardo Flores Martín .... | 1.000 |

# FLUGANTAJ FANTOMOJ

Ĉia movado, politika, religia aŭ iu ajn, flanke de sia ideologio, ĝia precipa neceso estas la disvastigo de tiuj idealoj, konvinki kaj kapti novajn anojn por sia movado, grandigi la nombron da partoprenantoj por esti pli forta kaj influi plej efektive en la socio aŭ ŝtato, sed por fari tiun laboron oni necesas monon. Ĉiam, sed hodiaŭ pli ol ĉiam, por divastigi la konon de io, ĉu lingvoj, horloĝoj, ŝuoj aŭ televidaparato, nepre estas necese propagandi ĝin, ĉie kaj ĉiamanere, konstante, estas la nura vojo por sukcesi; sekvi la sloganon: propagandu kaj vi vendos. Kiam mi parolas pri tiu temo kun aliaj samideanoj ili respondis ke Esperanto ne estas io vendebla, same ol strumpoj al gantoj ĉar ambaŭ estas necesaĵoj por la ĉiutaga vivo, sed mi kontrauas tiun ideon, kiu, malbonsorte por la monda esperanta movado, estas tro disvastigita, ĝi estas «la plej grava esperanta eraro» kiu malfaciligas nian laboron. Estas necese enkapigi en ĉiujn geesperantistojn ke Esperanto estas io necesa, kaj ju plis pasas la tempo multe pli necesa, same necesa ol ŝuoj, ŝtrumpoj, gantoj au televidaparato, sed nia propagando ne scias meti sur la ekrano de la ĉiutaga vivo tian neceson, mi pensas ke la propagandaj fakoj de la esparantaj asocioj ne studis ĝin de scienca vidpunkto. Sed tio estas nur flanko el la problemo, ĉar se la geesperantistoj ne gratas sian monujon por helpi la propagandon, nek la plej kleraj scienpropagandistoj povas sukcesi, ec la malsukceso estas tute certa, kaj neniu povus kulpi ilin, oni devas kulpi nin mem, ĉar propra sperto lernigis min pri tio, ke por multaj personoj esti bona esperantistoj nur sufiĉas lerni la lingvon, kunporti ,la stelon, ĉeesti de tempo al tempo iun ajn kongreson, aperi en la unua vico de la fotografio kaj ne necese ion alian. Certe ke Esperanto estas alta kaj bela idealo, sed por efektivigi la idealojn oni necesas monon. mi scias ke,pli malpli, en multaj landoj, en la nia ankaŭ, ekzistas multaj esperantistoj kiu konas la ligvon, parolas ĝin, eĉ interkorespondas kun unu samideano, nur unu, sed kiam parolas al ili pri la altigo de la kotizo (bone, ili preferas ne kotizi) forkuras terure timigata, same ol ni direktus al li kanonon preta por pafi. Ĝenerale ili ne estas progresemaj, tute lacigitaj, sin kredas ne surogateblaj kaj tial malficiligas ke novaj kaj junaj esperantistoj daŭrigu la laboron. Mi volas hontigi neniun «esperantistajn fantomojn» sed mi povas certigi al vi kara leganto, ke ekzistas esperanta grupo en iomete grava regiona urbo kies kotizo estas ¡¡cent pesetoj jare!! jes, vi legis bone, ne mislegis, certe ke vi ne povas kompreni tion kaj demandas, ĉu povas nomi sin esperantistoj tiu kiu ne kotizas preskau kvaronpeseton tage? cu se tiuj anoj ne el-posas monon povas fari decan propagandon? Ĉu pere de la helpo de tiuj «fantomoj» povas prosperi kaj fari bonan propagandon nia movado? Nuntempe propagando regas ĉian aktivecon kaj ni devas fari ĉion eblan por vekigi niajn «fantomojn» kaj ke ili helpu mone praktike, efektive, la epoko de la fantasiaj idealoj forpasis kaj ni honore salutas kaj adiaŭas ĝin, hodiaŭ ni devas esti praktikaj kaj kontribui mone por ne esti «flugantaj fantomoj».

JOAQUIN LOPEZ HERRERO

# JEAN MONNET, ĈEFKONSTRUANTO DE EŬROPO FORPASIS



Se oni demandas la eŭropanojn kiu estis Jean Monnet, eble malmultaj povus respondi. Kompreneble, li ne estis fama aktoro, nek glora sportisto, li estis humila homo kiu naŭdekjara forpasis kaj kiu estis unu el la plej elstaraj homoj en la batalo favore la unueco de la Eŭropaj popoloj.

La historio malofte oferas ekzemplojn de vivoj kiel la sia, ĉar la homoj kiuj decidas vivi kaŝitaj malantaŭ sia propra agado, ne lasas membildon, sed ili taŭgas por ke la aliaj brilu. Li oferdonas al la mondo sian agadon.

Kompreneble aliaj homoj komencis la Eŭropan konstruadon, kiel Aristides Briand, Robert Schuman, sed Jean Monnet laboris dum sia tuta vivo por Eŭropo, kreante kaj pligrandigante la eŭropajn instituciojn, ĉar kiel li mem diris «la institucioj estas kiuj determinas la rilatojn inter la personoj, ili estas la vera tenilo de la civilizacio».

La komunumo antaŭvidita de Jean Monnet disvolviĝas kaj transformiĝas. Unue per la t.n. C.E.C.A. (Eŭropa Komunumo de la Karbo kaj la Stalo), poste per la Komuna Merkato, kaj EURATOM, fine per la eniro en la Eŭropa Komunumo de Britio, Irlando kaj Danlando, baldaŭ ankaŭ de Grekando, Portugalio kaj Hispanio. Estis jaroj de malfacilaĵoj, sukcesoj, esperoj, sed ĉiam li estis laborante por ke la eŭropanoj povu vivi kunigitaj. Kiam Eŭropo malesperis, ĉiam la personeco de Jean Monnet aperis denove kaj restante klarpensa, proponis novan laborplanon. Li diris ofte ke nur estas necese kurago kaj unueca volo.

En nia mondo, kiam oni konstatas daŭran tendencon komenci novajn agadojn, investigaciojn k.t.p. antaŭ ke la rezultoj de la antaŭaj agadoj estis plene disvolviĝitaj, Jean Monnet neniam okupiĝis pri diversaj aferoj samtempe. Li ne estis politikulo, en la plej strikta senco de la vorto, li estis pensulo.

La naŭan novembro 1978 li festis sian 90 jaran naskiĝtagon. Antaŭ kvar jaroj li forlasis sian aktivan agadon kaj restis hejmen en Montfort l'Amauri por tien skribi siajn «Memoraĵojn» jus aperintajn.

Li lasis la eŭropanojn, sia verko survivas, siaj antaŭvidaĵoj plenumiĝas iom post iom kaj la realeco pri la Eŭropa konstruado efektiviĝas tiel kiel li ĉiam deziris. Kiel ĉiuj gravaj homoj, eble li estos pli konata post sia morto.

**M.R. URUEÑA**

# DEKALOGO DE TRI LINGVOJ

## DEKALOGO DE IU AJN NACIA LINGVO

**UNUE.**—IU AJN NACIA LINGVO ne havas la rajton esti devigita al la ceteraj popoloj.

**DUE.**—IU AJN NACIA LINGVO estas plenplena de senraciaj gramatikaĵoj kiuj malfacilas gian lernadon kaj paroladon.

**TRIE.**—IU AJN NACIA LINGVO estas taŭga sole al la eksterlandanoj kleraj, kiuj havas multan disponeblan monon kaj tempon por ellerni ĝin, sen konsideri, ke neniam ili scipovos paroli ĝin kiel samlandanoj.

**KVARE.**—IU AJN NACIA LINGVO en la organizo de la Unuiĝintaj Nacioj, en la UNESKO kaj en la MEK, k.t.p. favorigus la diskriminacon kaj la neegalecon inter la aliaj lingvoj, ĉar la potenculoj uzas sian lingvon por subpremi la malfortajn kulturojn kaj malhelpas la diskonigon de la tuta kultura havaĵo de la homaro.

**KVINE.**—IU AJN NACIA LINGVO ne havas perfektecon por transdoni la nuancojn de la penskapablo de la homaro, kiu deziras vere krei universalan kulturon kaj riĉigi ciun homon kun la helpado de ĉiuj.

**SESE.**—IU ANJ NACIA LINGVO estas nesufiĉa por elteni la tre impona antaŭeniro de la universala faka kulturo, kiu trudigas la serĉadon ĉiu foje pli komplika de la teknikaj novaj vortoj.

**SEPE.**—IU AJN NACIA LINGVO disvastigita al la aliaj landoj estas imperialisma politiko kiu sklavigas pli ol la katenoj de de la pasintaj jarcentoj.

**OKE.**—IU AJN NACIA LINGVO ne estas *natura lingvo*, sed *socia trudata helpilo* por la interkomprenigo inter la samlandanoj. kiuj pro la naskiĝo kaj la nacia vivo lernas ĝin pli facile.

**NAUE.**—IU AJN NACIA LINGVO estas la plej taŭga por paroli en la propra lando, ĉar en sia kreaĵo entenas multajn erojn de la geografio, de la fauno, de la flaŭro, k.t. pl., krome de la homoj.

**DEKE.**—IU AJN NACIA LINGVO estas altpreza heredaĵo, kiu devas konserviĝi kaj disolvi kiel helpilo de la samlandanoj.

## DEKALOGO DE IU AJN INTERNACIA LINGVO

**UNUE.**—IU AJN INTERNACIA LINGVO devas esti vere *populara* kies lernadon povas atingi la analfabetoj, ĉar la tuta homaro havas la rajton interkomprenigi siajn ideojn kaj sentojn.

**DUE.**—IU AJN INTERNACIA LINGVO devas esti tute racia tiel ke rezultu tre facila kaj simpla en sia gramatiko kaj sintakso, sen iuj ajn esceptoj.

**TRIE.**—IU AJN INTERNACIA LINGVO devas esti eksterordinare riĉa, klara kaj kapabla enteni en si men la eblecon je la derivado de iu ajn vorto.

**KVARE.**—IU AJN INTERNACIA LINGVO ne devas forigi la naciajn lingvojn sed kunlabori kun ili por la tuta komprenigo de la homaro.

**KVINE.**—IU AJN INTERNACIA LINGVO apartenas al la tuta homaro, kiu uzas sian rajton per la reprezentantoj de la AKADEMIO DE LA INTERNACIA LINGVO.

**SESE.**—IU AJN INTERNACIA LINGVO devas esti instruata *devige* por la tutaj popoloj en la lernejoj kune kun la propra nacia lingvo.

**SEPE.**—IU AJN INTERNACIA LINGVO oni disvastigas precipe per la amasmedioj (televido, radio, kino, teatro, gazetaro, revuoj, libroj, telefono, telegrafo, k.t.p.).

**OKE.**—IU INTERNACIA LINGVO estas necesega, ĉar la veturigiloj, aviadiloj, trajnoj, raketoj pliintensigas ĉiutage la turismon kaj ĉiuspecojn de kultura kaj komerca interkomunigo inter la plej diversaj nacioj.

**NAŬE.**—IU AJN INTERNACIA LINVO estas la vojo al la vera kaj plena efektiviĝo de ĉiu homo kiel persono.

**DEKE.**—IU AJN INTERNACIA LINVO starigas potencan bazon por la frateco, la amo kaj la paco de la homaro.

# DEKALOGO DE LA INTERNACIA LINGVO «ESPERANTO»

UNUE.—LA INTERNACIA LINGVO «ESPERANTO» jam nombras preskaŭ jarcertan travivaĵon kontraŭe al la multaj raciaj lingvoj, kiuj ĉiuj estas jam mortintaj.

**DUE.**—LA INTERNACIA LINGVO «ESPERANTO» estas tute racia; tre facila, kaj instruebla je malmulte da tempo al ĉiuj kuij ne havas iun ajn kulturon.

*TRIE.*—LA INTERNACIA LINGVO «ESPERANTO» estas riĉega pli ol ciu nacia lingvo, ĉar entenas la eblecon konstrui senfinan kvanton da vortoj.

**KVARE.**—LA INTERNACIA LINGVO «ESPERANTO» povas traduki ĉiujn verkojn ankaŭ la ĉefajn el la aliaj literaturoj kun fideleco pli granda ol iu ajn nacia lingvo.

**KVINE.**—LA INTERNACIA LINGVO «ESPERANTO» jam posedas sian propran originalan literaturon kiu esprimas multnombrajn nuancojn de la universala kulturo.

**SESE.**—LA INTERNACIA LINGVO «ESPERANTO» estas kapabla, precipe poste la baroj de la du mondmilitoj, antaŭeniri kun vigleco al la interkompreniĝo de la tuta homaro.

**SEPE.**—LA INTERNACIA LINGVO «ESPERANTO» jam festis 64 Universalajn Kongresojn dum kiuj ne necesigis trudukistoj kaj interpretistoj.

**OKE.**—LA INTERNACIA LINGVO «ESPERANTO» ne estas sole tauga helpilo por la interkompreniĝo de la homoj, sed maksimume estas fortega ligilo de amo inter la tutaj popoloj.

**NAUE.**—LA INTERNACIA LINGVO «ESPERANTO» gvidas la homojn al la konkero detruanta ĉiun diskriminacion, kiu faligas la homaron en ĉioman ruiniĝon.

**DEKE.**—LA INTERNACIA LINGVO «ESPERANTO» estas la portanto de la solidareco de la homaj klopodoj por la konstruado de nova mondo.

# LA VIRINO EN DEFENDO DE LA PACO, EN DEFENDO DE LA VIVO



*»...miaj filoj sucos la vivon en miaj plenplenaj mamoj.»*
*Pierre Louÿs*

Supraĵe foliumante la Adresaron (Directorio) de Hispana E-Federacio, 1975, mi kalkulis 112 samideaninojn, respektinda nombro da ardaj batalantinoj por la paco, ĉar ni ne forgesu, ke virino, antaŭ ĉio, estas fonto de vivo kaj oni malfacile povas konsideri virinon dise de la infanoj.

Tiom da virinoj en la vicoj de hispana samideanaro, igas min pensi pri la granda forto, pri la granda rezervo da energio disponebla por la batalo en la defendo de la paco, en la defendo de nia estonteco —la infanoj— la plej vundebla parto de la homa estaĵo, al kiuj ni ĉiuj nepre devas certigi ĝian vivon kaj feliĉon.

La virinoj ne bezonas ian ajn argumentadon por enviciĝi en la porpaca batalo kaj volonte aliĝas al ĉiuj kampanjoj celante la protektadon de siaj idoj, sentante en la plej profundo de sia sino maltrankvilon pri la sorto de siaj filoj.

Ni scias, ke en la mondo ekzistas pli ol mil kvincent miliono da infanoj. Ili reprezentas nian esperon, ĉar en ili enestas nia estonteco. Ĉiu infano rajtas esti feliĉa kaj la homaro nepre devas rezervi al ili la plejan bonon de ĝia havaĵo. Almenaŭ tion proklamas la

Deklaracio pri Infanaj Rajtoj aprobita de la UN.

Tamen, laŭ informoj de la Fondaĵo de UN por Infanoj, pli ol kvin cent milionoj da infanoj vivas en subhomecaj kondiĉoj. En evoluantaj landoj kvinono da naskitoj pereas antaŭ la atingo de sia 5-a jaro. Ĉiuj 30 sekundoj mortas pro malsato unu infano en latinoameriko. En Sudafrika Respubliko duono de la infanoj mortas antaŭ sia 5-a jariĝo.

La infana vivo ĝenerale ne estas multe pli bona eĉ en evoluintaj landoj kie grandega parto el ili ne povas fini siajn unuagradajn studojn, ĉar ili devas perlabori sian vivon. Aliflanke la diversaj komunikiloj en tiuj industriigitaj landoj servas kiel spiritaj koruptiloj por la infanoj, ekzaltante perforton, sadismon, pornografion, disbatante la moralajn kaj humanismajn valorojn.

Se ĉiu honesta kaj vere humaneca persono en la mondo estas sentema al tiuj ĉi fenomenoj kaj decideme volas strebi por pli bona infana ekzistado, kiaj do estos la sentoj de virinoj, naskintinoj, nutrantinoj, prizorgantinoj de la infanoj, de tiuj «floroj de la vivo» laŭ la penso de Maksimo Gorki?

Al ĉiuj ĉi virinoj nobligantaj la hispanan esperantistaron, mi min turnas sciigante ilin pri la jusnaskiĝo de esperantista tacmento en nia lando —Hispana Sekcio de Mondpaca Esperantista Movado, iniciatita antaŭ 25 jaroj de hispana elmigrinto Anton Balagué, kun Sekcioj kaj reprezentantoj nun en 24 landoj el ĉiuj kontinentoj.

MEM celebris sian publican 25-jaran jubileon okaze de la 63 Universala Kongreso de E. en Varna (29.7-5.8.78), montrante la veran vojon al grupiĝo de ĉiuj esperantistoj, porpacaj fortoj kun la sennombraj fortoj de amaso da neesperantistoj landaj kaj internaciaj organizoj kaj movadoj.

Inter MEM kaj Monda Packonsiantaro estis subskribita en 1973 dokumento pri kunlaboro. La prezidanto de MPK S-ro Romeŝ Ĉandra, esprimis sian fidon en la sincera pacamo kaj strebo al kunlaboro fare de MEM.

La oficiala organo de MEM, «PACO» aperadas regule, ses numeroj en la jaro.

La plej aktualaj taskoj de MEM estas la plua profundigo de la sereniĝo (malstreĉiĝo) en la internaciaj rilatoj de ŝtatoj kun malsamaj sociaj sistemoj, en la spirito de la Fina Akto de Helsinki, 1975, fare de la Tuteuropa Konferenco por Paco kaj Sekureco.

Ĉar mi estas konvinkita, ke la simpla fakto esti esperantisto ne aljuĝas al ni la titolon de pacbatalanto, kaj konscia samtempe, ke la celo de D-ro Zamenhof akiros nur veran efikon en la paco kaj frateco de la homaro.

Al la paco kaj al milito praktike neniu povas resti neŭtrala, eĉ se li deziras tion sincere. Per pasiva kondamno de la milito oni ne povos haltigi la militinstigantojn. Nenio estas granda ofero en la batalo kontraŭ la milito, en la batalo por la paco. Pli bone aktiva en la pacbatalo ol pasiva en la atompereigo de la homaro!

Penetrita de tiuj pensoj mi plenkore, varme kaj sincere invitas ĉiujn hispanajn samideaninojn, senkonsidere al ilia partipolitika, religia, filozofia sintenado, fide preni nian tenditan manon, por aktive kunlabori kun nia movado, celante «altrudi la pacon» kaj kune akceli la aŭroron de tiu mondo skizata de Esperanto.

Ni uzu Esperanton kiel utilan kaj gravan rimedon por malhelpi ke la homaro ekstermu sin mem. La celoj de Zamenhof estas daŭre estimindaj kaj helpindaj. Nia sopiro je paco plenumiĝos nur en pena lukto, en ĉiutaga homa batalo de ĉiuj fortoj interesataj je paco.

F. OLIVAN

# 21-a KATALUNA ESPERANTISTA RENKONTIĜO
# 19-aj INTERNACIAJ FLORAJ LUDOJ
# RUBI, 29-a kaj 30-a de Septembro 1979-a

Dum la jus okazinta Plenkunsido de la Urbestraro de RUBI, oni akceptis ne nur la K.K.K.-petskribon sed ankau oni donos la nomon de Esperanto al loka strato.

Kiel la antauaj renkonditigoj la tago 29-a sabato oni organizos diversajn erojn de la programo precipe: fakaj kunvenoj kaj infana kaj junulara festivalo, kun la celo ne ŝarĝi la dimanĉan programon, ĉar kun la okazigo de la 19-aj I.F.L.-oj, bankedo autoritataj vizitoj k.t.p. certe la esperantistaro estos treege aktiva.

Lau la bona sperto de la antaua jaro, ĉi jare ankaŭ la aliĝontoj al la renkontiĝo ricevos la oficialan programon kaj plian informilon.

Tiel do samideanoj, atentu nian informilon por aligi al la 21-a K.E.R. kiel eble plej baldau.

*Sekretario de K.K.K.*

# BRILA KONCERTO DE VESELIN DAMJANOV
## Barcelono la 17-an de Majo

Organizita de «Orfeó Gracienc» kaj la samideanoj F. Alberich kaj J. Alberich, okazis dum la 75-a datreveno de la menciita horo, specialan koncerton. La esperantistaro ĉeestis amase kaj la granda salono estis plenplena. La aranĝo vere estis treege sukcesa car la genieco kaj voĉa potenco de s-ro Veselin Damjanov ravis ĉiujn.

La programo konsistis el 12 eroj de famaj operoj kaj klasikaj muzikverkoj kaj 4 kanzonoj en Esperanto.

Nur lastaj vortoj; similaj aranĝoj levos la prestiĝon de nia movado antaŭ la kulturaj rondoj. Pro tiu fakto, ni profitu la okazon por organizi tiajn eventojn.

*ĈEESTINTO*





# MERITITA OMAĜO AL SAMIDEANO MOLINS

Dimanĉo, la 16-an mardo, en Callosa de Segura (Alicante) okazis altvalora homa evento: Oni dediĉis gravan straton al tiu kiu estis Direktoro de la Nacia Kolegio «Primo de Rivera» kaj elstara esparantisto s-ano Vicente MOLINS kiu dum tridek jaroj efite kaj skrupule profesoris tie, lasante neforgeseglan spuron de sia eduka laboro.

Antaŭirita de la urba grupo da trumpetoj kaj tamburoj, la Urbestro kaj aŭtoritatuloj, ĉirkaŭante la omaĝito, kaj sekvitaj de familianoj, kolegoj, gelernantoj samideanoj kaj popolo ĝenerale piederis al unu el pli modernaj stratoj el la urbo. Post kelkaj kortuŝaj vortoj, oni malkovris la enskribon kiu nomis la straton, substrekante tion per emocia longedaŭra aplaŭdo. Ĉiuj partoprenintoj manifestis ilian kontenton pro la honoro ricevata de profesoro Vicente MOLINS kiu por fini li diris tuijn ĉi vortojn kiujn ĉiuj auskultis elkortuŝe kaj respekplene: «Moŝtaj Autoritatuloj, gelernantoj, karaj amikoj! Nur kelkaj vortoj por danki al vi tiun ĉi omaĝon kiun vi dediĉis al mia modesta persono. Tio estas por mi granda honoro kiun sincere mi ne meritas. Mia laboro de 30 jaroj dediĉitaj al la formado de la filoj de tiu ĉi nobla Urbo estis tiu kiun efektivigas iu ajn instruiston enamiĝintan de sia profesio kaj mi akceptas kaj volas vidi en ĝi omaĝon al tiom da instruistoj kiuj lasas la plejbonon el sia vivo en la lernejo. Dankon, do, al ĉiuj. Mi gardos neforviŝeblan rememoron de tiu ĉi momento kiu estas doni mian nomon al unu el la plej modernaj stratoj de tui ĉi urbo kara, kiun mi konsideras kiel mia adopta urbo. Dankon».Grandan aplaŭdon sonis devone, estante D. Vicente MOLINS motivo de elkoraj manifestacioj de amikeco kaj estimo, ankaŭ flanke de nia samideanaro, finiĝinte tiom emocia kunveno per la akompano de amikoj, samideanoj kaj familianoj ĝis lia loĝejo.

F. ZARAGOZA

# DEZIRAS KORESPONDI

Ionescu Visario
Talitii de sus nº 33
**4.800 BAIA MARE**
(R. S. Rominia)

F-ino Silaghi Doina
Bul. Bucuresti 12/6
4.800 Baia Mare
(R. S. Rominia)

Ambaŭ deziras korespondi pri arto, muziko kaj bildkartoj.

Jen la adresoj de TRI eksterlandaj fraŭlinoj kuij deziras korespondi kun HISPANOJ. Ili ĉiuj estas studentinoj. La unua estas 16-jara, la dua, 21-jara, ankaŭ studentino, kiu ludas ba-gitaron en OLSCZTYNRK (Polujo). La tria (19-jara), kiu lernas en KLINIKO, interesiĝas pri filatelo k. turismo, k. kolektas, krom postmarkoj, ankaŭ bildkartojn, alumetetikedojn k. turismajn. prospektojn. Iliaj adresoj estas:

1.—F-ino ELIZBIETA PLUCINSKA,
ul. Sienkiewicza, 5/4.
14-150 - OLSZTYNEK (Polujo).

2.—F-ino SVEDALINA CVETKOVA
str. Auren Feyob, nº 54 blok. Olimp.
RUSE (Bulgarujo).

3.—F-ino MARIOLA BARSKA
str. Bystre, 10e p.
56-400 - OLESNICA (Pollando).

# UNESKO PRI NIA KONGRESO

«ALSED» (Antropologio kaj lingvoscienco en eduka disvolvado), bulteno de UNESKO, en sia numero 13 publikigis artikolon pri la Universala Esperanto Kongreso okazinta en bulgara urbo Varno en 1978.

Tiu articolo mencias, ke pli ol 4.000 homoj el pli ol 40 landoj kongresis sen tradukistoj.

La sama artikolo mencias ankaŭ la Internacian Junularan Kongreson kaj la Infanan Kongreseton, samjare okazintajn.

**NACIAJ UNESKO-KOMISIONOJ**

Supozeble aperis similaj artikoloj ankaŭ en bultenoj de naciaj Unesko komisiono. «Unesko-novaĵoj»(Unesco nieuws), gazeto de la Nederlanda Unesko Komisiono, publikigis artikolon en sia numero de 1978/V pri la Universala Esperanto Kongreso en Varno, surbaze de informoj, kiun Nederlanda Esperanto Asocio sendis. Aperis la nederlanda traduko de la tuta mesaĝo de la Generala Direktoro de Unesko.

(UN kaj NI Nº 13)

# SIMPOZIO

**organizita de Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj en la kadro de l'U.E.R. de Linguistique Générale et Appliquée, Université René Descartes, 12, rue Cujas, F-75005 Paris.**

Post interkonsento kun Université René Descartes, ni okazigos la simpozion de la 18/X-20/X/1979.

Estas antaŭviditaj jenaj temoj:

**S-ro Lo Jacomo:** Universala lingvo por la universala kunlaboro de matematikistoj.

**S-ro B. A. Nijssen:** American and British English for Science.

**S-ro A. Albaut:** Dinamiko de la Esperanto vortfarado. (Esperanto komparita ĉirilate al Volapük, Occidental, Interlingua - Esperanto pli konforma al la postuloj de l'homa menso / surbaze de travivitaj spertoj/ - Aludo pri neeŭropaj lingvoj).

**D-ro H. Frank:** Eco kaj pedagogia valoro de la lingvo-orientiga instruado.

**S-ro M. Duc Goninaz:** Quelle(s) langue(s) pour quelle Europe?

**Prof. St. Djoudjeff:** Conflits et discriminations linguistiques.

**Prof. J. C. Palavecino Castillo:** Consideraciones sobre la unidad lingüística en las comunicaciones relativas a las Ciencias Sociales y a la Técnica.

**Prof. W. F. Schmid:** Die Leistungsfähigkeit des Esperanto, dargestellt am Vergleich: Esperanto-Latein.

**D-ro I. Szerdahelyi:** 1. La pedagogia kaj didaktika valoro de la lerneja instruado de la Internacia Lingvo / surbaze de eksperimentaj spertoj/. 2. La «arta» internacia lingvo - kiel lingvoscienca problemo / la interdisciplina karaktero de la interlingvistiko: ĝia ekesto, evoluo kaj nuna stato.

**Prof. S. Giacchino Terruzzi:** Esperanto, instrument pour la compréhension internationale.

**Prof. M. Michelotti:** Esperanto moyen de communication et d'union des peuples.

**Prof. C. Apreotesci:** Les fondements européen d'une langue internationale vivante - Esperanto.

**Direktoro F. Zaragoza Ruiz:** Esperanto en la lernejo.

**S-ro F. Sánchez Antón:** Didaktikaj kriterioj rilate internacia lingvo.